REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

FONDITA en 1908 - TRIA SER

30-a Jaro - Nº 210 - Julio 19

FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

# ĈU WELLINGTON ESTIS DUKO DE BRUNOY?

Ĉu WELLINGTON - la venkinto de Napoleono ĉe Waterloo (pri kiu la Imperiestro diris: "La fato pli faris por li, ol li estis farinta por ĝi...) oficiale ricevis la titolon de Duko de Brunoy? Oni ankoraŭ nuntempe firme diskutas tiun demandon, ĉar tiu titolo, starigita de Louis XVIII-a renkontis akran kontraŭstaron ek de la komenco en la sino de la komunumoj grupitaj ĉirkaŭ Grosbois (t.e. Boissy-Saint-Léger, Villecresnes), kie oni estis restinta tre "bonapartisto" je tiu epoko. La funde esploritaj studoj bedaŭrinde ne ŝajnas esti donintaj sukcesojn en la senco de jesa aŭ nejesa respondo. Ili estis entreprenitaj de regionaj historiistoj, kiujn tiu demando pasiiĝas, kaj interalie en Brunoy, kie S-ro G. GIGAROFF kolektis pri tio tre interesan dokumentaron, el kiu ni liveros la esencon al niaj legantoj.

--oo--0--oo--

Estas necese memori la entuziasmon estigitan en la eksterlandaj kortegoj pro la falo de Napoleono la 1-a. WELLINGTON, bonŝanca generalo, sciis valorigi la venkon de Waterloo; li ricevis el la angla parlamento, donacon de 200.000 pundoj (50 milionoj da N.F.); ĉiuj suverenoj el Eŭropo lin dekoraciis per siaj ordenoj, kaj lin investis kun altoficoj. ALEKSANDRO donis al li la 1-a klasan ordenon de Sankta Anna, aldonante donacon de unu miliono da frankoj. La reĝo de Nederlando investis lin per la titolo de Duko de Waterloo, transdonebla al liaj posteuloj, kun donaco de ducent mil nederlandaj guldenoj konsistanta el bonegaj bienoj inter Nivelle kaj Quatre-Bras; la portugala Regenteco estis donacinta al li la mirindan arĝentaĵaran servicon, ĉizita laŭ la desegnoj de la fama portugala pentristo SACUIERO, taksita je 3 milionoj da frankoj!

WELLINGTON estis komisiita kiel estro de la okupada armeo en Francujo; ĉe la traktato de Aix-la-Chapelle, en 1818, oni donis al li honoran gvardion samkiel al reĝida princo; Imperiestro ALEKSANDRO superfavoris lin per favoroj, inves-

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Pierre PETIT** UEF 34 rue de Chabrol - PARIS ( 10 ème ) . Téléphone : PRO. 55-03

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS :** Le détail en a paru dans le précédent numéro.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

tis lin ĉefmarŝalo de Rusujo, kaj sendis al li la kostumon, kiun li mem surhavis la antaŭan tagon, kun altvalora spado.

LOUIS XVIII-a nomumis lin marŝalo de Francujo, dekoraciis lin per ordeno de l'Sankta Spirito, kaj eble nomumis lin Duko de Brunoy, kial ne?Ĉio ĉi estis tute natura al princo, kiu estis genuinta antaŭ la Regenta princo de Britujo por atesti sian dankemon pro la trono, kiun li estis akceptinta de li.

Ĉu li investis lin Duko de Brunoy en 1818? La tuta demando kuŝas tie. Sciante la malafablecon de Louis XVIII-a kontraŭ Napoleono - tio ne estas neverŝajna, sed senartifike estas neeble tion jesi.

Evidente, estus neniel eksterordinare ke, Louis XVIII-a, je sia reveno el ekzilo, estus investinta la titolon de Duko de Brunoy, ĉar tiu ĉi estis estinta lia antaŭ la Revolucio. Estas certe ke tiu distingaĵo estis promesita al WELLINGTON. Oni tamen trovas neniun postsignon ĉe la Ministerio pri Justico (Kancelierejo). Malgraŭ tio, la mencio de tiu titolo plurfoje aperis en la regionaj monografioj (1) Ni ne skribos pri ĉiuj pasintaj, kaj nunaj diskutoj, sed ŝajnas, ke inter la bonapartistoj konataj de la loĝantoj de Grosbois, estis interalie Markizo de Barbe - Marbois, kiu estis rifuzinta aprobi sian monarĥon (Li estis kanceliero).

VAULOBELLE elvokas tiun okazon en sia "Historio pri Du Restaŭradoj Tiu fordono ŝajnis al li strange skandala tuj post Waterloo. Inter la ĉefaj dokumentoj, ankaŭ cititaj de S-ro GIGAROFF, estas tri biletoj de BARBE - MARBOIS al la duko de RICHELIEU, kiuj troviĝas en la Naciaj Arkivoj (2).

En la unua letero (16.12.1815), BARBE-MARBOIS informas RICHELIEU ke li estis doninta al Reĝo kaj al li la informojn pri la Kastelo de Gros Bois. Li donis la prezon kaj la kondiĉojn de la Princino de WAGRAM por ĝin vendi: "ĝi ŝajnas al mi tro grava - li diras - kaj mi nenion faros sen nova ordono".

En la dua, li respondis: " Lia Moŝta Duko, mi plenumos la ordonojn kiujn la Reĝo petis vin transdoni al mi, sed tio okazos nur post kiam vi estos aŭdinta min; li daŭrigos

en la volo, kiun vi sendis al mi je lia nomo. Tiu glora distingilo de la reĝa dankemo estas tre grava afero.

Kelkajn tagojn poste, li skribis la trian letereton: "Mi estas tre certa, neniam malplaĉi je la Reĝo, dirante al li lojale tion, kion mi opinias la vero. La Reĝo rediris al mi siajn unuajn ordonojn rilate al Gros-Bois. Mi foriris dirinte la ĉagrenon, kiun mi sentis, esti investita de tia misio. Mi skribas ĉi tie tion, kion mia respekto ne permesis al mi diri tiom forte, kiom mi estus devinta. La bieno de Gros-Bois ne povas esti donacita al la Duko de Wellington sen grave ofendi ĉiujn, kiuj konservas la memoron de Bonaparto. Tiu bieno estas kvazaŭ ĉe la pordoj de Parizo, kaj la angla generalo ne povos trankvile loĝi tie.

Ĉu mi povas aldoni ke la Historio rakontos ke tiu, kiu venkis la francan armeon estis pompe rekompencita de la Princo, kiu denove surtroniĝis en Francujo; tiu fakto estis unu el tiuj, kiujn la posteularo malfacile senkulpigos. Mi do ĵurpetas Lian Moŝtan Reĝon ne doni tiun ateston al la Duko de WELLINGTON, aŭ investi alian Ministron ol mi pri tiu malagrabla afero. Mi aldonas motivon, kiu ne estas sen ia pravo, kvankam la plej malgranda el ĉiuj: la prezo petite je la nomo de la Princino de Wagram (3) ŝajnas al mi ekscesega. Vidu, Moŝta Reĝo, en mia opono nur sinceran fervoron por via gloro".

Louis XVIII-a devis submetiĝi antaŭ la sana prudento kaj patriotismo de sia Ministro. Tiam reveninte al sia intenco, la Reĝo estus elturninta la malfacilaĵon, investante parole al WELLINGTON la (honoran titolon de Duko de Brunoy kies kastelo kaj parko ne plu ekzistis!!

ellaborita de Sro DUCHESNE
laŭ verko de Sro GIGAROFF.

laŭ afabla permeso de
"L'ECHO DE VILLECRESNES"
tradukis
J.A.ROUSSEAU

---

(1) PINARD Théodule : CORBEIL kaj ties kantonoj (p.23). Tiu verko ekzistas kompleta nur en presprovaĵoj Ĝi estis ero de la biblioteko de forpasinta S-ro C.DUFOUR en Corbeil

(2) NACIAJ ARKIVOJ - AB 92 dokumentoj (3) donacitaj de PINARD en septembro 1861. Théodule PINARD naskiĝis en 1803a(Corbeil) kaj mortis en 1871a.

(3) Ŝi estis nevino de la Bavara Reĝo, kaj estis edziniĝinta kun Marŝala Berthier, princo de Neufchâtel kaj Wagram.

---

## FILATELISTOJ !

Vi povas ankoraŭ mendi ĉe nia Centra Sidejo, en Parizo, koverton surhavante la insignon de la 54-a Nacia Kongreso kaj samtempe, sur poŝtmarko, la specialan poŝtstampon kiu reproduktas la insignon.

Prezo: NF 1,50 (aŭ 3 respond-kuponoj) po koverto

## E D Z I Ĝ O J

Ni eksciis pri la edziĝo de nia samideano Jean - Claude DISSOUS, el Parizo, kun Fraŭlino Marie -Thérèse BRUGUIERE, la 11-an de Junio 1962.

Ni ankaŭ eksciis pri la edziĝo, de la nepo de nia amiko S-ro Camille Brender, Jean-Pierre LAUWEREINS, kun F-ino Michelle ROUSSELIN, la 28-an de Junio 1962.

Niajn gratulojn al ĉiuj!

## KONSILOJ AL LA INSTRUISTOJ

Kelkaj el vi demandis min, ĉu la diskutado pri ata/ita devas iel influi ilian instrumanieron. La respondo estas simpla: ĉar la reformo propagandata de S-roj JUNG kaj kelkaj aliaj nordlandanoj, estas ĝis nun nur privata iniciativo, la instruistoj devas daŭrigi la instruadon de la fundamenta kaj oficiala uzado de la pasivaj participoj, kia ĝin konstante instruadis en nia lando iliaj gloraj antaŭuloj De Beaufront, Cart, Corret, Couteaux, kaj ceteraj.

Tiu uzado estas cetere tre klara Laŭ la vortoj mem de ZAMENHOF "kiel principon ĝeneralan por -ata, prenu "ke tempo estanta ekzistas vere nur kiam la ago aŭ stato daŭras sufiĉe. En alia kondiĉo la ago aŭ stato jam finiĝis, kiam ni parolas pri ili; sekve ni ne povas uzi -ata, sed devas uzi -ita. Tiel same se ni parolas ne pri la malvolvado de l'ago, sed nur pri ĝia rezulto". La saman principon, sub alia formo, oni trovos en la, feliĉe reeldonita, fama "Ruĝa Broŝureto"

En la praktiko, oni uzu -ata, kiam en la franca lingvo oni povas uzi la francismon être en train de, aŭ kiam temas pri ripetado de la ago. En ĉiuj aliaj okazoj, oni uzu -ita; la aldono de la verbo esti, en ia ajn tempoformo, nenion ŝanĝas en la senco de tiuj participoj. Ekz-e:

"La komitato estis elektata kiam la sekretariino svenis": "Le comité était en train d'être élu, quand la secrétaire s'évanuit".

"La komitato estas ĉiujare elektata per voĉdonado de ĉiuj kluboj": (Z)- Le Comité est élu chaque année par le vote de tous les clubs.

"Nia Lingva Komitato estis elektita en la Bulonja Kongreso, ĝi estis elektita ne de unu aŭ de kelkaj personoj..." (Z) notre Comité linguistique fut élu au Congrès de B.; il a été élu non pas par une personne ou par quelques unes...

Mi aldonu, ke la franca tempo "plus-que-parfait" ne ekzistas en Esperanto: tiu temporilato estas esprimata per la adverboj jam aŭ antaŭe, ĉiufoje kiam ĝi ne estas evidentigita de ĉirkaŭteksto, ekz.: "Oni ne plu parolis pri la balotoj, ĉar la komitato estis jam (antaŭe) elektita en la antaŭa kunsido" (On ne parla plus de scrutin, car le Comité avait été élu à la séance précédente.

G. WARINGHIEN

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

## RADIO - PROGRAMOJ

Jen la programoj de la jugoslava radioelsendejo ZAGREB:

Horaro: Jaŭdo, je la 23,05 horo

Ondolongo: 264,6 metroj

I6/7 - 95-jara Jubileo de la Jugoslava Akademio de Scienco, kaj Arto

23/7 - Honore al la 75-jara datreveno de Esperanto

30/7 - Respondoj al Korespondantoj kaj Novaĵoj el la Movado

6/8 - Recenzoj pri novaj libroj

I3/8 - Referaĵo pri la Universala Kongreso en Kopenhago

20/8 - Same kiel la I3/8 (2-a parto

27/8 - Respondoj al korespondantoj kaj Novaĵoj el la Movado

-o-

## I4-a FERVOJISTA KONGRESO-BUDAPESTO

(5-an - 11-an de Majo 1962)

Aliĝis 1040 personoj el 20 landoj (inter ili 78 francoj). Dank'al la hungara gastemo, al la kuirarto, al la vino kaj la suno, tiuj tagoj estas neforgeseblaj.

Sub la protektado de S-ano Stefano KOSSA, Ministro pri Trafiko kaj Poŝto, malnova entuziasma esperantisto, kaj de nia verkisto Julio BAGHY, la kongres-laborkunsidoj kaj aranĝoj iris tute glate.

El la diversaj punktoj pritraktitaj dum la laborkunsidoj, estas notinda la strebado de komitatoj por junularo en diversaj landoj. En la daŭro de la Kongreso mem, estis specialaj aranĝoj por la junularo, ĉefe dum nokta promenado sur Danubo dum du horoj!

Krom tio, ni povas mencii la rondveturadon per aŭtobuso tra la urbo, dimanĉe, la vizitojn al la Parlamentejo (lunde) kaj al pionira fervojo (merkrede). Marde estis la tuttaga ekskurso al Norda-Hungarujo (vizito de Aggtelek-Groto kie muzikistaro ludis la preludojn de LISTZ

Vendrede estis la ekskurso al la Lago BALATONO, kie okazis la fermo de la kongreso. Tre agrabla manĝo kun multspecaj vinoj en la Tihany-duoninsulo.

Ni ne devas forgesi mencii ankaŭ la internacian balon (merkrede vespere) kaj la filmprezentadon kaj varietaĵoj (ĵaude vespere)

Ni sciigu ke, dank'al nia samideano Ministro KOSSA, niaj veturadoj en Budapesto estis ege simpligitaj, pere de libera vojaĝkarto en aŭtobusoj kaj tramoj, kaj ke estis eldonita speciala 1-forinta poŝtmarko okaze de tiu kongreso.

"Kösönem Szepan" (Grandan Dankon al niaj hungaraj gekolegoj, kaj ĝis revido venontjare en STOKE ON TRENT (Britujo)!

A. R O B E R T

## N A S K I Ĝ O

Depost la 22a de Junio 1962, nia amiko el Madagaskaro, S-ro ROUSSEAU Henri, estas patro de
Chantal Jacqueline ROUSSEAU

Multan feliĉon al la bubo kaj niajn gratulojn al la Gepatroj.

## A N O N C O

S-ro PELLE Francis, policisto, 4 rue Diderot, MONTLUCON (Allier), deziras korespondi kun kolegoj.

## LITERATURA KONKURSO LUIS HERNANDEZ:

Esperanto-Grupo en VALENCIA, kun la celo omaĝi sian plej aktivan kaj sindoneman membron, organizas literaturan konkurson kaj invitas la tutmondan esperantistaron partopreni ĝin.

Jen kelkaj el la kondiĉoj:

1°)la konkursaĵo estu originale nepublikigita prozaĵo ne pli ol 4000 vortoj.

2°)sendu maŝinskribitan tekston en tri ekzempleroj al S-ro Francisko Amoros Rico, strato Milagrosa I2 2° en Valencia (Hispanujo) el kiu vi povos peti pliajn informojn pri tiu konkurso.

## A N O N C O

Kun orientfranca grupo, ni serĉas intergrupan amikecon. Kiu F rancagrupo deziras ankaŭ veran, viglan daŭran kontakton pro flegi korespondadon kaj vizitojn? Bonvolu skribi al ESPERANTO - RONDO (Crailsheim en Germanujo).

## ĜENERALA KUNVENO
### de U. E. F.
### la 22 - IV - 1962

Pri la INFORMA FAKO parolas S-ro ROUGETET.

Depost Epernay, la Komitato sendis al la 120 Konsilianoj pri Supera Nacia Edukado kompletan dokumentadon. 80 Dokumentaroj estis senditaj ankaŭ al firmaoj, kiuj sendas varojn eksterlanden. Sen respondoj.

Ĉiu monate, S-ro ROUGETET partoprenas kunvenon ĉe UNESKO, kaj uzas ĉiujn okazojn por komprenigi al la reprezantantoj de la 70 Asocioj de la O.N.G., ke Esperanto estas grand valora solvo por multaj problemoj.

Pri U.E.A. raportas S-ro GUILLAUME.

La laboro de UEA estis resumita dum la kunveno de la delegitoj.

Ni povas fieri ĉar nun ni havas belan domon en Roterdamo kun 15 ĉambroj.

U.E.A. konstante rilatas kun U.N E.S.K.O. kaj multe klopodas por disvastigi nian lingvon tra la tuta mondo.

S-ino HAUDEBINE, nuntempe en Hindujo, iros baldaŭ al Japanujo por daŭrigi sian laboron por Esperanto.

S-ro SEKELJ iras al Afriko uzante etnologan karavanon por propagandi Esperanton.

Inter la 300 delegitoj de UEA en Francujo, la Junulara Fako estas reprezentita nur de 2 junuldelegitoj. Tio ne estas sufiĉa, kaj ni devus havi multe pli'da tiaj delegitoj ĉefe sur la irvojo de Parizo al Nico, pro turismo.

Fine, S-ro GUILLAUME volas ripeti la vortojn de D-ro LAPENNA, kiu dezirus ke U.E.A. parolu je la nomo de 100.000 personoj!

Ni tuj povus duobligi la nombron de la membroj, se ĉiuj lernantoj pagus eĉ modestan kotizon. Mi petas vin fari vian eblon por plilarĝigi, nian asocion!

S-ro Petit rekomendas nian amikon D-ro ALBAULT inter la kandidatoj "B" por ke la delegitoj voĉdonu por li.

S-ro RAJSKI informas ke oni povas aĉeti ĉambron en la domo de UEA Li proponas, se estos eble, ke estu franca ĉambro. Sed tamen la afero kostas multe.

Fino VINCENT proponas ke oni faru alvokon en la esperantista gazetaro por aĉeti tian ĉambron, sammaniere, kiel oni aĉetis la kulturdomon. Tiu propono estas akceptita de la kongresanaro.

S-ro LLECH WALTER prezentas la 5 kandidatojn kiuj sukcesis la ekzamenon por iri al la Renkonto en Romo. (F-inoj GARRIGUE, JUCHEREAU DESTOUCHES, S-roj BOURGOIN, CARDONA).

Laŭ raporto de S-ro TARDIEU, oni ekscias pri la disdono de 233 atestoj pri lernado, 36 superaj atestoj pri lernado, 26 atestoj pri kapableco.

Ĉiuj varme gratulas la laboron faritan de S-ro TARDIEU, kaj S-ro BLANC aldonas plurajn detalojn.

S-ro MOTILLON raportas (skribe) pri la GAZETARA SERVO. En 1961, li ricevis 456 eltondaĵojn de gazetoj; inter ili 127 artikoloj havis pli ol 50 linioj, 68 estis ilustritaj per fotoj. Nur unu estis malfavora al Esperanto.

Tri gazetoj aperigas kurson.

--o--

S-ro LLECH - WALTER raportas pri la ĵus finiĝanta Kultura Semajno, kaj esperas ke venontjare pli da seminarianoj partoprenos.

NACIA KONGRESO EN 1963: Pentekosto kaj Perpignan estas dato kaj loko elektitaj; ekskurso lunde al Barcelono (aprobite).

S-ro PETIT proponas por la jaro 1964a, ke oni elektu LE MANS. S-ro MICHEL informas ke samtempe oni inaŭguros Avenuon Zamenhof (konsentite).

KVIN JARA PLANO POR U.F.E. (propono de S-ro Petit)

En nia movado estas tri periodoj a) komenco de la uzo de la lingvo;- ĝis la unua mondmilito oni interesigis la publikon per propagandiloj en naciaj lingvoj k.t.p....

En la 2a periodo, post la milito ĝis la kongreso en Varsovio oni organizis la Esperanto-movadon en landaj asocioj, fakaj kaj lokaj grupoj

Ambaŭ periodoj temis "Esperanton por Esperanto".

Nun, ni eniras la 3-an periodon, kiu estas la periodo de internacia kulturo, ne por Esperanto sed per Esperanto. Ni devas uzi Esperanton ne nur por propagandi ĝin, sed por aliaj celoj ol Esperanto mem. En la popoluniversitatoj, de 5 jaroj, en la internaciaj konferencoj, oni povas uzi iun ajn lingvon, kondiĉe ke estu nur unu traduklingvo, kiu estas la komuna internacia lingvo, fakte, Esperanto.

En la 5-jara plano, S-ro Petit opinias ke jen estas la senco de nia agado. Pri tio, li ĝojas, se niaj grupoj ne plu estos nomitaj: "esperantistaj grupoj, sed kulturaj grupoj, rondoj de internacia kulturo.

Ĝis Perpignan, ni devas duobligi la nombron de niaj membroj.

Dua parto de tiu plano: eniri en multajn asociojn, partopreni internaciajn kongresojn, parolante tie en esperanto; malkoncentrigi nian aferon en ĉiuj partoj de la mondo; ni devas havi ideon pri mondskalo de nia movado. Ni laboru tiusence en Kopenhago.

S-ro LLECH-WALTER aprobas kaj insistas sur la fakto ke, se iu esperantisto apartenas aŭ gvidas administrantaron de iu asocio (ruĝa kruco, literatura asocio, ktp) oni vidu ke esperantisto estas normala homo kaj tiamaniere ni povos pli facile enirigi Esperanton en ĉiujn socialajn mediojn.

S-ro RAJSKI pravigas la ideon, dirante ke ni ĉiam devas havi planon por labori.

S-ro PETIT donas ekzemplon pri personoj, kiuj perdis sian skeptikismon, kiam ili estis konkrete informitaj pri Esperanto kaj konsiderante ke en la lernejoj, ĉiujare la nombro de lernantoj pri Esperanto, pligrandiĝas.

ELEKTO DE NOVAJ KOMITATANOJ: Sekve de la nova statuto kaj diskuto, pri la voĉdonadmaniero, estas elektitaj la 24 personoj, kies nomoj aperis en la 208-a numero de R.F.E. Du kongresanoj sin detenis.

DIVERSAĴOJ - S-ro PETIT proponas kiel honorajn prezidantojn de U.F.E S-ron PHILIPPE (Arras) kaj Sron MARLY (Bordeaux) (Akceptite).

kaj kiel honorajn membrojn: S-roj BELHOSTE, BOULAY, BOURDELON, CHAVET HUMEZ kaj WARINGIEN (unuanime aprobite).

REZOLUCIO PRI IO-UJO KAJ NEOLOGISMOJ: Kelkaj ne tute aprobis la rezolucion pri ata-ita kaj petis alian rezolucion. S-ro Petit legas novan tekston pri IO-UJO kaj NEOLOGISMOJ. S-roj GONIN kaj BLANC pre-

zentas sian vidpunkton. Ni deziras havi simplan lingvon kaj firme konservi la fundamenton (S-ro Petit).

R E Z O L U C I O
================

"Ni atentigas la esperantistaron pri ĉiaj ŝnaĝoj faritaj sen neneigebla utileco al kiuj ajn eroj de la gramatiko. Ni emfaze asertas, ke nia lingvo estas konstruita laŭ plej rigora reguleco kaj do sen esceptoj. Sed vere, fakte? Ni montras, ekzemple, ke por nomi la malnovajn landojn, kies nacia nomo devenas de tiuj de la gentoj ilin regadantaj de multaj jarcentoj, ni uzas du formojn "ujo" kaj "io". Tamen Dro Zamenhof longe kaj plej logike klarigis ke post longa pristudado de la demando, li decidis ke oni devas uzi "ujo"(Respondo 47, oficiala gazeto III - 1911, p.29, aŭ Lingvaj Respondoj (ECL) 1925 p.36)

"Ni nepre devas ankaŭ konservi la simplecon de niaj radikoj kaj vortformado. Tial ni devas senhezite forĵeti la malutilajn neologismojn (descendi = malsupreniri; ekspliki = klarigi; signaturi = subskribi; buŝa ekzameno = parola ekzameno; kaj aliaj). Nur, ni akceptu kaj uzu novajn radikojn kiam temas pri apartigo, preciza difino de diversaj aferoj ĝis nun nomitaj per unu nura kaj ĝenerala vorto (ekz. la diversaj pafiloj: = revolvero fusilo, karabeno, k.a.)

"Ni timu ke kiam (eble baldaŭ) altinstancoj studos la demandon: "ĉu oni devas akcepti Esperanton, kiel internacian lingvon?" iuj ne opiniu, ke nia konduto mem montras ke ĝi estas nur projekto, s e d n e kiel vere ĝi longege estadis : simpla, facile lernebla, ne vastampleksa radikaro uzata pere de firme fiksita kaj senescepta, gramatiko.

"Tial, por ke nia propagando ne estu malhelpata per tiaj lingvouzoj, ni petas la gvidantaron de U.F.E. kaj U.E.A. por ke sufiksoj ne agnoskitaj de Zamenhof aŭ de la Akademio de Esperanto, kaj nenecesaj neologismoj ne aperu en la oficialaj gazetoj de ambaŭ asocioj".

La rezolucio estas aprobita; nur unu voĉo estis kontraŭ (S-ro GONIN)

S-ro FRANGEUL informas ke ĉiuj grupoj agnoskitaj de "Jeunesse et Sports" povas ricevi subvencion, petante ĝin de la Ministrejo.Li ankaŭ sciigas ke la samaj grupoj povas aĉeti je favorprezo, materialon en "Les Magasins Académiques".

S-ro LLECH WALTER donas la parolvicon al Prof. Niŝihumi, el Tokio, kiu atentigas la partoprenantojn pri la Universala Kongreso en Tokio en 1965a.

En Tokio, la esperantistoj iom timas pro la distanco, ne havi sufiĉe da partoprenontoj. S-ri Niŝihumi petas sendon de kuraĝigaj leteroj, se oni ne povos partopreni. Li donas la adreson de la loka kongresa komitato:

S-ro M. NAKAGAWA, ĉefo de T. E. K.
ĉe J. E. I.
I.13 - Montomaĉi - Bunkyô-Ku TOKIO.

S-ro GUILLAUME informas ke estas antaŭvidita de U.E.A. vojaĝo al TOKIO je 3.000. NF

Fino de la Kunveno je 18 h 30.

47a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO KOPENHAGO 4-11 AŬGUSTO 1962 47

47 - a
Universala
Kongreso de
Esperanto

KOPENHAGO
4/11 aug.I962

## MORALA ALIĜO

Ne ĉiuj esperantistoj povas partopreni Universalan Kongreson, sed tamen ĉiuj povas aliĝi.

Por tiuj kiuj ne venos al Kopenhago, en interkonsento kun la ĝenerala sekretario de UEA kaj la estrano pri financoj, la L.K.K. decidis enkonduki specialan kategorion de aliĝo sub la nomo "Morala Aliĝo"

La L.K.K. opinias ke tiu kategorio ricevos la aprobon de la nevenontaj esperantistoj.

La kotizo por tiu aliĝo estas 21 NF; ĉiu aliĝinto en tiu kategorio ricevos la kongresan libron kaj aliajn kongresajn dokumentojn, sed ne rajtos persone ĉeesti la kongreson.

## STATISTIKO

Meze de Junio la nombro de la aliĝintoj estis jam I320. Depost tiu dato multaj aliaj aliĝis al la monda manifestacio de la esperantismo al kiu ĉi jare estas ligita la gravega Konferenco pri la Lingva Problemo en la Scienco.

G.G.POMPILIO

K. K. S.

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

## N E K R O L O G O

Ni eksciis pri la forpaso de Sino Grégoire BOLONKIN, la 5-an de Junio I962. Niajn sincerajn kondolencojn akceptu ŝiaj edzo kaj infanoj.

# AVIVA DE LA GRUPAJ!

## BULONJO - ĉe - MARO

La Unua Markola Kongreso sukcese kunvenogis la 12an kaj 13an de Majo delegitojn kaj aktivulojn el ses landoj: Britujo, Belgujo, Danlando, Francujo, Germanujo kaj Pollando.

Elstaraj partoj de la programo estislaborkunsido, prediko de Sac. WAROT, festparolado de S-ro BOUQUIN depono de florkrono ĉe Placo Zamenhof, oficiala akcepto kaj...gefianĉiĝo de du geesperantistoj el Folkestone (Ni gratulu ilin).

Dum la varietea vespero, pli ol cent partoprenintoj aplaŭdis skeĉojn, filmojn, poemojn kaj ĉefe la amuzan ventroparolanton BEN WEBER, el Middelbourg (Nederlando).

Similaj renkontiĝoj okazos ĉiujare ĉe marbordaj urboj de Britujo, Belgujo, aŭ Francujo.Krome, la Nord Franca Esperanto - Federacio organizos kunvenojn la 14-an de oktobro, en Amiens kaj pliposte en Lille, dum la venontjara internacia komerca foiro.

## VALENCIENNES

Post akcepto de germana grupo el Düren, la venonta regiona konkurso, temos pri traduko de turisma faldfolio pri la urbo Valenciennes.

## ROUBAIX - TOURCOING

Pro peto de aŭskultanto la franclingvaj programoj de B.B.C. prezentis bonegan elsendon pri historio kaj aktualeco de Esperanto. Detale raportis la loka gazetaro.

## LILLE

La membroj rajtas partopreni la komentotajn vizitojn de "Mutuelle Touristique du Nord" 63bis, place Rihour. Krome, la klubo regule kunvenas ĉe nova sidejo (Bar du Nord) angulo rue Neuve kaj Grand'Place.

VALLON PONT D'ARC
================

S-ro Henri AGERON, urbestro de Vallon-Pont-d' Arc, mondcivitano, ĝenerala konsilanto por la departemento Ardèche (Francujo) petis nin sciigi ke:

"Li treege ĝojis pri la eksterordinara sukceso de la Inaŭguro de la urba tendejo kaj de la esperantista semajno aranĝita de VIVARA STELO tiuokaze dum pasinta somero.

El ĉiuj partoj de la mondo trafis lin amaso da leteroj, gratulkartoj, telegramoj, k.t.p....

Li tre bedaŭras pro manko da tempo, ne havi la eblecon persone respondi, kiel li tion ŝatus fari, sed petas ĉiujn akcepti siajn sincerajn kaj varmajn dankojn, sian elkoran saluton.

Pluraj leteroj, precipe el landoj kie Esperanto ne libere disvolviĝas, profunde kortuŝis lin.

Li invitas ĉiujn provi iam viziti la Kampadejon D-ro Zamenhof kaj samtempe MALKOVRI LA BELEGAN REGIONONkie ĝi kuŝas sur la tutmondani - gita komunumo de Vallon-Pont-D'Arc. apud la rivero Ardèche (elp. Ardeŝ) kie amike bonvenotaj estas ĉiam la veraj pacbatalantoj.

Li deziras la finan venkon de esperanto kaj triumfo de Zamenhof-idealo kaj restas konstante preta helpi tiucele".

Informojn pri Vallon Pont d'Arc, vi ricevos kontraŭ 1 internacia respondkupono skribante al SYNDICAT D' INITIATIVES en Vallon-Pont-D'Arc.

Pli precizajn informojn (en esperanto) pri la kampadejo Zamenhof, povas sendi kontraŭ internacia respondkupono: P. JAYER "La Vigie" Chemin de Baza en AUBENAS (Ardèche).

KURSOJ: kontentige finiĝis elementaj kursoj gviditaj de S-ro ROUVIERE en AUBENAS, kaj de S-ro PROUF en Vallon. Perfektiga kurso ankaŭ bone finiĝis en Vallon ĉi jare.

LES ANDELYS
===========

La 3-an de majo la junaj klubanoj akceptis kvin jugoslavajn fervojistojn, kiuj vizitis Normandion. Malgranda ekspozicio estis aranĝita kaj la infanoj volonte donis klarigojn.

Sukcesis en la ekzamenoj:
Atesto pri Lernado: MAYER Claire (8-jara) GRAFFIN Alain (11-jara)
Atesto pri Supera Lernado: J.CARON, (12-j.) BONNET Sylvie (14-j)DESJARDINS Chantal (12-j) VASSEUR Dominique (11-j).

C.MAYER kaj J.CARON gajnis la du stipendiojn je 100 NF, disponigitaj de la Klubo por restado ĉu en Kopenhago, ĉu en Grésillon.

P A R I S
=========

Jam de kelkaj monatoj, la vivo de la Pariza Grupo estas pli vigla ol antaŭe.

Tion ni ŝuldas al la agema aganta sekretario de la grupo, Sinjoro LAVERRE, kiu zorgas pri la aranĝoj de la kunvenoj.

Ĉiu monate estas almenaŭ du kunvenoj: interbabilado en la kafejo "La Ville de Reims" kaj kultura vespero, plej ofte dank'al la afabla, kunlaborado de la fervojistoj kiuj permesas al la grupo uzi sian kineĉambron en stacidomo Saint-Lazare.

Tiuj lastaj kulturaj vesperoj estis "Dana Vespero" kiel antaŭparolo al la Universala Kongreso, kun filmoj, "Pola Vespero" kun la partopreno de S-ro Z. Lutogniewski parolisto ĉe Pola Radio en Varsovio kaj denove "Pola Vespero", dum kiu S-ro Rajski, estrarano de U.E.A. prezentis filmojn.

Dum la Dana Vespero, ni ankaŭ

ĝuis la prezentadon de la esperante postparoligita filmo pere de la F. kaj T. Esperantista Asocio; pri ĝi ni dankas interalie S-roj Collomb - kaj Ayrinhac.

LITTRY (apud BAYEUX)
====================

La 23-an kaj 24-an de Junio okazis en tiu vilaĝo, en "Foyer des Jeunes" (afable disponigita de ĝia estro, S-ro TOUZAN), esperantista renkontiĝo organizita de S-ro SAPERAS. Kunvenis 22 samideanoj venintaj ĉefe el Bayeux, Caen kaj Vire.

Okazis komuna manĝo, ludoj, kantoj kaj ekspozicio de libroj, revuoj, turismaj faldfolioj kaj poŝtkartoj.

N I M E S
=========

Oni scias la sindonemon de S-ro JANMEZ, redaktoro ĉe la Akademia Inspektorejo.

Gesinjoroj VOLPELIERE, 10 rue de la Servie informas ke ili deziras akcepti eksterlandan amikon okaze de rondvojaĝo. Oni ĉiam konigu al ili la planon de la eksterlanda prelegisto; tio helpos la organizadon de propagandkunvenoj.

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

LIBRO - SERVO
=============

Bonvolu noti ke la "Fabloj de La Fontaine" estas elĉerpitaj!.

=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=:=

NIA SIDEJO NACIA EN CHABROL estos fermita de la 8-a de aŭgusto, ĝis la 8-a de septembro I962.

====================================

Ni memorigas al vi ke ni povas liveri la monerojn eldonitaj de nia amiko CSEH (6 NF plus sendkostoj)

# L'ESPERANTO DANS LE MONDE

TCHECOSLOVAQUIE
===============

La radio tchecoslovaque a commencé d'émettre des grogrammes réguliers en Langue Internationale Espéranto sur la longueur d'ondes de 233,3 mètres, dans le cadre des émissions en langues étrangères.

Les programmes en Espéranto ont lieu le dernier jeudi de chaque mois entre 18h45 et 19 heures.

I S R A E L
===========

Le Conseil Municipal de la ville d'HERCELIJA a donné le nom de Zamenhof à une rue de la ville.

J A P O N
=========

Le mouvement religieux japonais OOMOTO (dont la revue est éditée en espéranto) fête cette année le 70-è anniversaire de sa création.

DANEMARK
========

L'Antologie Danoise qui a été éditée en espéranto est un luxueux volume bien imprimé de 259 pages, qui contient d'escellentes traductions de la littérature poétique - et en prose de ce pays.

BELGIQUE
========

La maison GEVAERT a édité un nouveau film en espéranto: "Sources de Lumière" d'une durée de 25 minutes, en couleur de 16 ou 35 m/m

Maison Culturelle
Espérantiste
CHATEAU DE GRÉSILLON
**BAUGÉ**
(Maine-et-Loire)

# Quatrième Période

**DU VENDREDI 31 AOUT AU SAMEDI 15 SEPTEMBRE**

**(Arrivée le 31 Août — Départ le 15 Septembre)**

## Séjour d'études organisé par l'U. E. F.

Cours supérieur et pratique, sous la direction de M. GARRIGUE.

EMPLOI DU TEMPS :

**Le 31 Août**, à 21 heures : Soirée.

**Chaque jour :** 8 heures : lever ;
8 h. 30 : Petit déjeuner ;
9 h. à 11 h. : Leçon de grammaire ;
11 h à 12 h. : Conversation ;
12 h. 30 : Déjeuner ;
16 h. 30 à 17 h. 30 : Explications de textes et questions orales ;
17 h. 30 à 18 h. 30 : Jeux en Espéranto ;
19 h. 15 : Dîner.

**Soirées libres ou distractions légères.**

Il est évident que durant cette période des séjours de repos seront possibles si le Château n'est pas rempli par des participants au Cours Supérieur et Pratique.

# La PARIZA FOIRO

Ĉi flanke, vi havas du aspektojn de nia budo en la Pariza Foiro.

Dank'al la sindonemo de S-ino M. COULON, tiu budo estis iom pli orna mita ĉi jare ol antaŭe.

La du kradoj kiuj staras ĉe la enirejo kaj la balono en la fono estas la motivoj de la nova poŝtkarto kiun ni eldonis kun la franca teksto "L'ESPERANTO VOUS OUVRE LES PORTES DU MONDE".

Ni instigas vin mendi tiun poŝtkarton kaj uzi ĝin por skribi al vi aj konatuloj dum la venontaj ferioj

Vidu ankaŭ la anoncon pri ĝi en nia junia numero.

# RECENZOJ

"JUĜU MEM" - Faktoj pri Ĉeĥoslovakio Eldonita de la ŝtata firmao ORBIS - 116 paĝoj - havebla kontraŭ unu respondkupono ĉe "Ĉeĥoslovaka Esperanto Komitato, Blanicka 4 - PRAHA 2 -

La unua eldono de tiu libreto aperis en 1960 kaj vekis tiel viglan intereson ke en mallonga tempo, ĝi estis elĉerpita. Pro tio la ĉeĥoslovaka Esperanto - Komitato aperigis tiun novan eldonon kiu, reverkita kaj kompletigita enhavas la plej novajn informojn pri la aktuala stato de la industrio, komerco terkulturado de tiu lando.

Ĝi estas dokumento kies legado estas necesa por bone koni la funkciadon de la ŝtatorganoj kaj la sociajn organizaĵojn en socialisma ŝtato.

Tre interesa estas ekzemple la komparo de la kosto de la ĉefaj varspecoj kun la tempo dum kiu laboristo devas labori por ilin aĉeti.

Sed ni iomete bedaŭru, ke en tiu esperantlingva libreto kiu pritraktas ĉiujn temojn pri publika instruado, popolklerigo kaj ĝenerala kulturo, ktp... enhavas ne unu solan vorton pri esperanto movado kaj pri lernado de la Internacia Lingvo en Ĉeĥoslovakujo.

LEGREE

======

================================

NOVAJ FALDFOLIOJ
================

WUPPERTAL (senkoste havebla ĉe: "Presse und Werbeamt - Wuppertal en Germanujo).

La turisma prospekto pri Wuppertal eldonita dank'al la efika aktiveco de la esperanta grupo de tiu urbo estas la plej bela el ĉiuj nunaj esperantlingvaj prospektoj.

Ĝi sciigas al ni en ĝia abunda-teksto la originon de WUPPERTAL kiu fondiĝis nur en 1930 per la kuniĝo de pluraj urboj de la Rejna Valo; Barmen, Elberfeld, k.t.p. kaj kiu nun entenas 425.000 loĝantojn.

La esperanto-eldono de tia multe kosta prospekto pruvas ke la turismaj oficejoj pli kaj pli klopodas allogi la esperantistaron. Ili komprenis ke ni estas nature turisma klientaro, ĉar ni ŝatas kaj serĉas la kontaktojn kun fremduloj kaj vojaĝas eksterlanden pli facile ol iu ajn dank'al nia lingvo.

MALSUPRA AUSTRIO - Bela ankaŭ estas ĉi tiu kolora prospekto pri la bela regiono de la Danubvalo en la ĉirkaŭaĵoj de Wien. Ĝi estas skribita nur germane, angle, france sed kromfolio donas esperantan tradukon.

Ĝi enhavas alian esperantan kromfolion kiu invitas la esperantistaron uzi la servojn de "Erste österreich-SparKasse (aŭstria ŝparkaso), en Wien kie vi povos ŝanĝi vian monon, pagigi viajn "vojaĝ-ĉekojn kaj esperante babili.

LE TOURISME INTERNATIONAL..C'EST
================================
L'AFFAIRE DE L'ESPERANTO
========================

Tiu prospekto estas gastronomia vortareto en ses lingvoj: Franca, Esperanta, Hispana, Itala, Angla, Germana; ĝi entenas ĉiujn vortojn uzitaj sur la manĝotabeloj, de la "ovo malmole kuirita kun majonezo" ĝis la "pastaĵo farita de la ĉefkuiristo". Ĝi estas necesega al ĉiuj esperantistoj-manĝemuloj kiuj vizitas la eŭropajn restoraciojn.

Tamen kurizoe estas ke tiu prospekto eldonita de la famkonata firmao "La Bénédictine" ne indikas la vortojn por la likvoroj, eĉ ne tiu de la "Benediktino".

L E G R E E
===========

## KELKAJ PRIPENSOJ PRI NEUTRALECO

Dum skribaj aŭ parolaj diskutoj inter esperantistoj, aperas oftaj aludoj pri neŭtraleco; ĉiu parolas pri ĝi, apogante siajn argumentojn sur ĝi, sed verdire, la opinio mem pri tiu "neŭtrala sinteno" de ĉiuj alsopirata, estas sufiĉe malklara, por ke ni provu prilumi tiun problemon.

Laŭ la reagoj de la homoj ekzistas du specoj de neŭtraleco:la klerigа kaj la malutila.

Klerigа estas la neŭtraleco, kiam ĝi ebligas al la membroj de iu asocio aŭ grupo esti informitaj pri tiu aŭ alia doktrino, de ili ne aŭ malmulte konata. Ekzemple, unu el niaj grupoj estas vizitata de Aziano, kies religio estas budhismo;ĉu je la nomo de neŭtraleco, oni devas malpermesi al li prelegi pri la filozofio, la kredoj kaj la ritoj de tiu religio? Konsiderante ke en ĉiuj penssistemoj, ĉu religiaj, ĉu sociaj, ĉu politikaj, ĉu filozofiaj estas intime miksitaj la vero kaj la nevero, estas oportune kaj interese, el multaj vidpunktoj, ke li povu klarigi senpasie kaj sendispute, la ĉefajn trajtojn de sia religio. Same, kiam venos post li, liberpensulo, katoliko aŭ framasono, ĉiuj povos libere montri la avantaĝojn de sia idealo. En tiaj kazoj, temas pri klerigа neŭtraleco, ĉar dank'al tiu sinteno antaŭ plej diversaj opinioj, la homoj povos informiĝi kaj kleriĝi.

Male, estus malutila kaj malklerigа neŭtraleco se, je la nomo de plena kaj rigida neŭtraleco la grupestroj malpermesus al budhisto, al liberpensulo, al katoliko kaj al framasono eĉ aludi per kelkaj vortoj, la ĉefajn kredojn de sia doktrinoj. Tiam, flankenĵetante ĉian diskuton pri politiko, religio kaj filozofio, la klereca nivelo de la grupo aŭ de la asocio malleviĝus iom post iom, ĉar estas preskaŭ neeble elvoki socian temon,ne aludante pri unu el la tiklaj punktoj supreciititaj.

Tikla? Ĉu vere? Principe ne! Ĉar apud neŭtraleco kaj sur la sama vojo, paŝas alia virto: respekto al doktrino, kiu ajn ĝi estas, kaj al ĝiaj partianoj. Ĉiu homo inteligenta devas kompreni, ke la intima kredo de tiu alia homo, sidanta apud li, samvaloras kiel sia propra, se nur tiu kredo staras sur sincera aliĝo. Nur tiel, la diskutoj fariĝos amikaj, frataj kaj granda profito devenos de ili.

Bedaŭrinde, en tro multaj okazoj iuj doktrinoj staras sur malamo kontraŭ la malsamopiniantoj homoj;ilin oni nomas hipokritoj, malnoblуloj aŭ perfiduloj salajrataj de partio aŭ de eklezio. La unua kondiĉo de respektebleco de doktrino estas, ke tiu doktrino estu respektoplena al ĉiuj aliaj doktrinoj kaj doktrinanoj.

Nun, kiam kaj kiel oni povas rompi neŭtralecon? Nu, donante ekskluzivan avantaĝon aŭ pli bonan situacion al iu difinita doktrino, domaĝe je la aliaj, kies anoj ne rajtas aŭdigi sian voĉon. En kelkaj malmultaj landoj ankoraŭ ekzistas ŝtatreligio, dum la aliaj religioj estas apenaŭ toleratаj.

Por ni, esperantistoj, la neŭtraleco konsistas el respekto al ĉiuj doktrinoj kaj homoj sinceraj, sen ekskluzivo al iu ajn; tiel agis dum sia tuta vivo, D-ro ZAMENHOF, kies edifa verkaro bedaŭrinde, ne estas sufiĉe legata. En ĝi tamen, ni trovus neelĉerpeblan fonton de kondutkonsiloj por pacema agado.

André RIBOT

LA SPECIALIGITAJ INSTITUCIOJ DE O. N. U.
KAJ ESPERANTO

Ĉar mi sufiĉe ofte havas la taskon skribi propagandajn artikolojn pri Esperanto, mi aperigis alvokon por havi materialon, kiu ebligos al mi verki tiujn artikolojn. Kaj pluraj personoj helpeme sendis al mi diversajn dokumentojn, diversajn -esperantaĵojn. Inter ili mi trovis kelkajn, kiuj povas interesi vin.

Ĉu vi scias, ke pluraj specialigitaj institucioj de la Unuiĝintaj Nacioj (O.N.U.) uzas Esperanton por sia propagando? Mi eksciis tion ricevante flugfolion de O.M.S. (Organizaĵo Monda pri Sano). Tiu organizaĵo celas enkonduki ĉiujn popolojn al plejeble alta nivelo de sano, kondiĉo de Monda Paco kaj Sekureco, kiu dependas de intima kunlaborado de la unuopuloj kaj de la ŝtatoj.

Alia flugfolio (ĉiam en Esperanto) tiu de I.L.O. (Internacia-Labor Organizaĵo) ankaŭ specialigita institucio ligita kun O.N.U. ILO studas la urĝajn internaciajn problemojn de la laboro kaj laboristoj, kaj ĝi provas (ofte kun sukceso) al porti solvon al tiuj problemoj. Ĝia devizo estas: "Malriĉeco ie ajn estas danĝero al prospereco ĉie".

Mi ankaŭ ricevis longtekstan specialan numeron de la"Asocio Internacia por Sociala Sekureco"(A.I.S.S.) sub la formo de finskribita afiŝo, kiu konigas sian akticecon; ĉe la malsupro de la folio, oni povas legi "Neniu daŭra Paco sen Sociala Justeco" "Neniu Sociala Justeco sen Sociala Sekureco". A.I.S.S.kunlaboras kun I.L.O. Tiuj tri gravaj dokumentoj estis kompletigitaj de pluraj aliaj, interalie de flugfolio de I.K.E.M. (Interŝtata Komitato de Eùropa Migrado) kaj tiel mi lernis ke ĉiumonate (mi ĝuste diras ĉiumonate) 10.000 Eùropanoj, patronitaj de I.K.E.M. migradas trans marojn. Kiuj estas tiuj migrantoj?Ofte kompatindaj Grekoj, kies vilaĝoj estas detruitaj de tertermo; oni sendas ilin al USONO por restadi daùre tie Aù Nederlandanoj multinfanaj: ili forlasas siajn malvastajn kampojn por koloniigi la dezertan ebenon de Aùstralio; aù italaj patrinoj, kiuj forveturas kun infanoj al Latina Ameriko, por retrovi la patron, kiu antaùe transmigris por havigi al si laboron; aù fine elorientaj rifuĝintoj ĉion forlasintaj. Valora vizo kanada, havigita en Germanio aù Aùstrio malfermas al ili la pordon de nova patrolando.

Estis por mi granda ĝojo ke kvar gravaj internaciaj organizaĵoj kiuj havas sociajn celojn, uzas Esperanton por sia propagando, kaj mi pensis partigi mian ĝojon kun vi.

Kaj mi finas tiun artikolon petante vin helpi min en mia laboro de propagando. Se vi trovos dokumentojn, kiuj montras ke Esperanto estas uzata por iu ajn celo, bonvolu sendi ilin al mi, ankaù frazojn de famuloj pri Esperanto. Interŝanĝe, mi povos sendi al vi kelkajn interesajn esperantaĵojn. Antaùdankojn.

G. P E R R A (Lyon)
145 Av. Lacassagne.

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

# SERVICE DE LIBRAIRIE

ETUDE ET ENSEIGNEMENT

L'ESPERANTO CET INCONNU...... 1,25
MANUEL D'INITIATION.......... 1,50
DIALEKTO, DIALEKTIKO......... 3,50
ESPERANTO MANUEL (Chavet).... 5,00

DICTIONNAIRES

Légers-Albault (F + E)....... 20,50
Waringhien (E + F)........... 30,00
PLENA VORTARO DE ESPERANTO... 15,00

HISTOIRE DU MOUVEMENT

LETEROJ DE ZAMENHOF (2 vol.). 20,00
VIVO DE ZAMENHOF (E.Privat).. 4,50
ORIGINALA VERKARO (Zamenhof). 18,00

LITTERATURE

ANGLA ANTOLOGIO.............. 14,00
TOPAZE (Pagnol/Bernard)...... 10,00
REĜO EDIPO - ANTIGONA ....... 10,00
LINGVO kaj VIVO.............. 20,00
FABIOLA (bindita)............ 12,00
LA ĜOJA PODIO (Schwartz)..... 4,50
LA HUNDO KRUSO............... 2,50
INFANOJ EN TORENTO (2 vol.).. 5,60
INVITO AL ĈIELO.............. 4,50
KARLO (E.Privat)............. 1,20
MALSATA STONO (Tagore) (bind) 15,00

LA VERDA RAKETO (J.Forge)...... 11,25
VITRALO (John Francis)......... 6,00
LA REVIZORO (Gogol)............ 4,50
DANA ANTOLOGIO (bindita)....... 16,50
NORMANDAJ RAKONTOJ (Maupassant) 17,00
KONTRALTE (M.Boulton).......... 10,00

RELIGION ET PHILOSOPHIE

SANKTA BIBLIO (bindita)........ 10,00
NOVA TESTAMENTO................ 3,00

VOYAGES & GEOGRAPHIE

AUSTRALIO - lando kaj popolo... 3,50
KANAKO EL KANANAM.............. 11,00
TEMPESTO SUPER AKONKAGVO....... 11,00
NEPALO MALFERMAS LA PORDON..... 15,00
SEKRETOJ DE LA MARESTAĴOJ...... 7,50
VIVO DE LA PLANTOJ............. 11,50
EKSPEDICIO KON - TIKI.......... 18,50
PARIZA GVIDLIBRO............... 2,50

Frais d'expédition et de poste:
20% jusqu'à 10 NF - 15% jusqu'à 20 NF et 10% au - dessus. Les commandes sont à adresser, avec les fonds à U.E.F. 34 rue de Chabrol - PARIS- C.C.P.PARIS 855-35.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Le Gérant: Jean GUILLAUME

L'imprimeur: Ets Ch. MORIN
188 rue du faubourg St-Denis PARIS 10

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx